No. 1 Septembro 1951 4a jaro

BULTENO
de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj

Sekretariejo:
Orteliusstraat 108III Amsterdam

Redaktejo:
von Liebigweg 26 Amsterdam

## RAPORTO PRI LA LABORKUNSIDOJ

### Ia KUNSIDO

La prezidanto malfermas la kunsidon konstante ĝeneralan kreskon en preskaŭ ĉiuj landoj kaj pligrandiĝantan intereson pri la kunsidoj dum niaj kongresoj. Nia organizo vivas feliĉe en la diversaj landoj en kiuj multaj laboras konstante por nia IFEF. Li dankas ĉiujn kiuj donis siajn fortojn al nia movado.
La sekretario voĉlegas la ricevitajn salutleterojn. Eminentuloj de fervojaj kaj aliaj rondoj el multaj landoj salutas nian kongreson. Radio Luksemburgo kaj Hilversum elsendis komunikon pri ĝi kaj Radio Lille sendis salutleteron.
**Becker** (Nederlando) invitas la gekolegojn al Utrecht, kie la 13an kaj 14an de septembro okazos la jubilea kongreso de FERN okaze de la 5-jara ekzistado de tiu Rondo.
Antaŭ ol pritrakti la tagordon, la Prez. prezentas jenan proponon de la estraro: La kongreso donu al ĉiuj la parolrajton; por la delegitoj la paroltempo estu nelimigita, por nedeligitoj maksimume kvin minutojn. La kongreso unuanime akceptas.

**Punkto 3** de la tagordo, la raporto pri la pasintjara kongreso, estas sen remarkigoj aprobata.

**Punkto 4** raportoj de la sekr. kasisto kaj red. Aplaŭde la raporto de la Sekr. estas aprobata. **Bipp** sciigas ke la svisa rondo nun havas 30 membrojn. La kasista raporto trovas plenan aprobon. Nome de la kongreso la prezidanto laŭdas la kasiston pro la akurata laboro. Ankaŭ la raporto de la redaktoro kun aplaŭdo estas aprobata.
**La Red.** Laŭ via aplaŭdo montriĝas ke vi estas kontentaj, sed mi ne estas tiom kontenta. Nia organizo estas mondorganizo, do en nia BULTENO aperu nu nur artikoloj el Nederlando. Atente mi legis la kongreslibron kaj trovis en ĝi bonegan, teknikan artikolon. Tiajn artikolojn ni bezonas en nia organo. En ĉiuj landoj la fervojoj eldonas revuojn; ekzamenu ilin, traduku ilin en nian lingvon kaj sendu la tradukitajn artikolojn al mi. Urĝe mi petas al vi vian kunlaboron por plibonigi la enhavon de nia BULTENO, por ke ĝi fariĝu konforma al la celo.

**Punkto 5** raport de la Terminara Komitato. **S-ro Pape** buŝe komentas sian raporton. La T.K. rikoltis multan laŭdon, kiun laŭdon li transdonas al la kunlaborantoj. Gravan laboron faris s-roj Rosher kaj Rebiĉek, kiuj dum multaj jaroj kolektis materialon kaj transdonis al la komitato. Laŭdon meritas s-ro Hell, kiu kolektis materialon el vortaroj kaj libroj; s-rojn Lienhardt, Blin kaj Simon, kiuj prizorgas la maŝinteknikan parton. Li dankas ĉiujn, kiuj iel kunlaboris. I.a. sinjoroj Christoffersen, Bouwkamp, Lok kaj Filliâtre jam sendis materialon. La terminaro de Rosher jam estas en niaj manoj, Rebiĉek kaj Simon sendis aŭ sendos.
Plej bone estus enpresiĝi la terminojn en plenan vortaron, sed tio postulus tro multe da tempo, do provizore ni prokrastu tiun ideon. Tre verŝajne oni deziras plej baldaŭ uzi ĝin, do ni mem eldonu malgrandan terminaron en ĉiuj naciaj lingvoj. La manieron ni lasu al la landaj rondoj, laŭ propraj ideoj.
**Ing-ro Blin** dankas s-ron Pape, kiu transdonis la laŭdon al aliaj, sed ni honoru lin, kiu faris la plej gravan laboron.
**Lok** sciigas ke li ricevis de la angla kolego Dukes materialon el malnovaj gazetoj *Fervoja Esperantisto*. El la materialo montriĝas ke oni jam en 1909 havis Inter-

nacian Organizon *IAFE* kun propra organo En tiuj malnovaj, tre interesaj dokumentoj oni okupas sin pri la samaj temoj, kiujn ni nun pritraktas, i.a. terminaro fervoja.

**Punkto 6. Proponoj.**

La prez. proponas pritrakti la 4an proponon samtempe kun la unua.

La kongreso akceptas. **Bipp** donas komenton al propono Ia kaj diras, ke en kelkaj landoj jam funkcias gazetarservo; en Danio, Aŭstrio kaj ankaŭ en Svislando oni atingis bonan rezultaton.

**Pape** donas komenton pri propono 4a kaj diras ke la artikoloj en gazetoj kutime temas pri propra vivo, sed necesas ke ni legu pri fakaferoj. La kondiĉoj en la diversaj landoj estas malsamaj, do la germana rondo proponas ke ni klopodu enpresigi artikolojn en kaj el fakgazetoj. Li proponas atingi personon, kiu havas rilatojn en la fakgazetoj. Li preferas personan kontakton. Ni interŝanĝu la spertojn.

Dua demando estas, kiel ni povas plialtigi la nivelon de nia BULTENO. Por igi ĝin interesa ni enpresigu malgrandajn artikolojn pri diversaj cirkonstancoj de la fervojistoj, pri fakaferoj. Taŭgaj estas ankaŭ artikoloj pri personaraj aferoj kaj Sindikatoj. Komencu per malgrandaj artikoloj, kiuj interesa fervojistojn.

Li konsilas elekti en ĉiu lando redaktoron, al kiu oni povas sendi artikolojn.

**Christoffersen** faras saman proponon.

**La Red.** Tiamaniere ni povos havi en nia BULTENO artikolojn stimulajn kaj interesajn. Li varme subtenas la proponojn de Pape kaj Christoffersen por elekti en ĉiu lando redaktoron por BULTENO.

La propono estas akceptata.

**Propono 2a eldono de adresaro.**

**Hawla**: Nun ne ĉeestas la proponinto el Aŭstrio, sed tuj post la Ia kongreso en Aarhus kolego Zink komencis labori en tiu direkto. Kompili adresaron ne estas facile pro la monafero kaj la multaj adresŝanĝoj ĉiujare. Ni atentu tion bone.

**Pape**: La celo de adresaro estas havi materialon por korespondi. Eldoni ĉiujare adresaron estas multekosta afero do ni elektu bonan vojon. Li proponas aldoni al BULTENO folion kun la adreso de niaj anoj.

La Sekr: Kol. Zink estas preta kompili adresaron kaj la IFEF-estraro estas preta eldoni ĝin. Ni povus aldoni al ĝi nian regularon kaj la plej gravajn atentigojn. Al tiu eldono ni tamen devas kupli kondiĉojn neeviteblajn. Necesus ke la landaj rondoj antaŭmendu bezonotan kvanton, ĉar ne eblas presigi 1000 ekzemplerojn, se nur 400 anoj deziras posedi ĝin.

Ni esploru en ĉi tiu jaro la eblecon.

**Christoffersen** aldonas proponon: La landaj rondoj elektu diversurbajn delegitojn kaj la estraro konservu por tio du foliojn en la BULTENO.

Oni decidis ke la estraro esploros la eblecon.

**2a Kunsido**

**Propono 3a** Okazigo de loterio por fervojistoj.

**Becker**: Ni pripensu ke la lando, en kiu oni aranĝas la loterion, havas kostojn. Li estas por la propono de kolego Sassmann. **Bouwkamp** estas kontraŭ. Gajni monon ĉiuj volas, sed la maniero ŝajnas al li nebona kaj implika.

**La Prez**: La estraro ne estas por. La ideo de Sasmann estas laŭdinda, sed ni restu kun ambaŭ piedoj sur la tero. Kontoron ni ne jam bezonas, sed la propono kaŭzus al ni multege da laboro kaj malfacilaĵoj. La spertoj instruis al ni kiom malfacile estas vendi lotojn.

La propono estas malakceptata.

**Propono 5a** Progresigo de Esperanto en la Fervojaj Administracioj, kiun proponon **Pape** komentas. Nia komuna celo estas disvastigi la uzadon de Esperanto, sed kiel unua nia tasko estas pligrandigi la nombron da Esperantoparolantaj homoj. Ankaŭ estas nepre necese, ke niaj anoj flue kaj korekte parolu la lingvon, por ke ni povu traduki ĉiujn temojn; do la laboro estas al ni. Li vidas la proponon kiel deziresprimon. **Christoffersen** samopinias.

En Danio kaj Svedio ni faris diversajn klopodojn kaj rikoltis ioman sukceson Oni eldonis horaron diverslingvan; ankaŭ en Esperanto.

**Bouwkamp** laŭdas la brilan paroladon de Pape, kaj li plene samopinias kun li. Ni zorgu ke la materialo estas preta. FERN en Nederlando ankaŭ faris klopodojn kaj ni atingas bonan rezultaton, kvankam nia rondo estas relative malgranda. Ni do urĝe laboru por ke nia membronombro pligrandiĝu. La Administracioj enkondukas Esp-on nur kiam ili rimarkas rezultatojn komercajn. Nia unua tasko do estas akiri fundamentan materialon kaj daŭre aktive labori; tiam ni certe atingos rezultaton.

La Prez. skizas la multajn klopodojn kaj konstatas ke ni nepre bezonas kompletan terminaron kaj pligrandiĝantan membronombron. **Christoffersen** aldonas, ke estas necese prezenti nin al la sindikatoj. Tio estas tre grava. La administracio Dana bezonis geografiajn kartojn el diversaj landoj kaj petis al ni prizorgi tion.

Al diversaj landoj ni skribis kaj post kelkaj semajnoj ni ricevis, kaj transdonis kartojn el preskaŭ la tuta mondo.

Tiamaniere la administacio rimarkis la taŭgecon de Esperanto.

**Becker** rakontas pri diversaj klopodoj en Nederlando. Montriĝas ke la Direkcio de la Nederlandaj Fervojoj interesiĝas pri

nia laboro, sed pririgardas Esperanton kiel distraĵon. Ni restu aktivaj.
**Carlssen** atentigas pri la rezultatoj en Svedio. De la sindikatoj kaj la administracio ili havas monan subtenon. Ankaŭ ili klopodas atingi tion en Norvegio ĉe la sekretario de la Fervoja Direkcio kaj sukcesis. Li ankaŭ sukcesis enpresigi artikolon en turisma eldonaĵo.
Ni daŭrigos kaj atendas kontentigan sukceson. **La Prez.** dankas la parolintojn pro la interesaj informoj. Ni certe atingos rezultatojn, se ni nur dum la tuta jaro restas aktivaj. Ankaŭ en nia lando ni ricevis monan subtenon de la sindikato kaj samajn komunikojn ni ricevis el Aŭstrio, Finlando ktp. Li proponas fini la diskutojn kaj instigas ĉiujn daŭrigi la propagandon en tiuj instancoj.

**Propono 6a** Pri kunlaboro kun **Ileptto**.
**Pape**: La demando estas ĉu ILEPTTO havas anojn aŭ nur abonantojn al la gazeto INTERLIGILO. Antaŭ la milito estis nur unu organizo por Esp. fervojistoj; post la milito ankaŭ ILEPTTO komencis okupi tiun terenon. Ĉu eblas loĝi sub unu tegmento? Laŭ mia opinio ni, fervojistoj, bezonas nur unu organizon.
Detale li skizas la kostojn por ambaŭ organizoj. Li vidas en ILEPTTO nur organizon de legantoj. Ni povas amike kunlabori rilate al Terminaro, sed ĝis la financa stato de IFEF.
**Carlssen**: Ni fondis nian organizon por propagandi Esp-on inter la fervojistoj, se ĝi kunmiksiĝus kun alia organizo, ni riskus perdi multon; en Norvegio certe la subtenon sindikatan.
**Curtis** (Britio) estis la landa delegito de ILEPTTO kaj li decidis aliĝi al IFEF pro la nebula organiza formo de ILEPTTO. Du organizoj ne estas bone. Ni povas kunlabori, sed ne bezonas komunan ĵurnalon. Li proponas enpresigi en nia Bulteno anoncon ke ILEPTTO estas la nura organizo por poŝtistoj, telegrafistoj, ktp., sed ke IFEF estas nur por fervojistoj. Saman anoncon oni enpresigu en INTERLIGILO.
La Sekr: Mi tre ĝojas pri la opinioj de la delegitoj kaj precipe la vortoj de Pape venis kvazaŭ el mia koro. Ĉu necesas aldoni ankoraŭ faktojn ? Mi kredas ke ne. La opinio pri tiu ĉi punkto klare montriĝas unuanima kaj despli mi ĝojas, ke mi defendis la ĝeneralan starpunkton en nia organizo. Ni, IFEF estas organizo internacia kaj la estraro havas la devon agi laŭ la kongresdecidoj. Detale oni povas esplori la raportojn, ankaŭ la financan, ĉar la membraro rajtas scii por kio la estraro elspezas monon. Ĉu tio ankaŭ eblas en ILEPTTO? Estu tamen konvinkitaj ke la IFEF-estraro deziras amikajn interrilatojn kun ILEPTTO.

**La Prez.** memorigante la fondon de IFEF, diras: Ni nun havas propran dometon, do kial anstataŭe lui ĉambron en alia organizo ? Ni volas kunlabori kun aliaj, sed ni restu memstaraj.
Forte la kongreso aplaŭdas.
Montriĝas ke neniu estas por kunfandiĝo de ambaŭ organizoj.
Por pruvi nian amikan rilaton al ILEPTTO la estraro proponas rekomendi en BULTENO la abonon al INTERLIGILO, kondiĉe ke ILEPTTO indikas en ĝia organo IFEF-on kiel la organizon fervojistan.

**Propono 7a**: Aldono de paragrafo al la regularo, ke la ĉefestraro kaj landaj delegitoj havu senpagan restadon dum la kongresoj. **La Prez.** deziras ŝanĝi la proponon en jena senco: Oni nur zorgu por senpaga tranoktado por la ĉefestraro kaj unu delegito el ĉiu lando.
**Bipp**: La signifo de la propono donos al la LKK multe da laboro.
Li proponas ke nur la ĉefestraro rajtas senpagan tranoktejon, sed por la delegitoj zorgu la landaj rondoj mem.
**Bouwkamp** povas kompreni la proponon; ĝi estas vere modesta. Tiun elspezon la LKK dividu inter la partoprenantoj al la kongreso. **Hoen** ( ĉefestrarano ) diras ke li kompilis la regularon.
En la Aarhusa kongreso oni akceptis la koncernan proponon, sed montriĝis ke la LKK en Parizo ne konsideris ĝin oficiale akceptita, do ni nun aldonu ĝin en la regularo. Kiam ni kalkulas la elspezojn por senpaga restado, ni trovas altan sumon.
Tial ni modifas la proponon tiusence, ke la ĉefestraro kaj delegitoj havu **senkostan tranoktejon** kaj ne pagu kongreskotizon.
**La Sekr.** povas imagi, ke la propono ne estas simpatia, sed necesas prezenti ĝin al la kongreso, kiu povas akcepti aŭ malakcepti la proponon sen ia influo flanke de la estraro. Por la nuna ĉefestraro la propono ne estas tre grava, ĉar kia ajn estos la kongresdecido, la estraro tamen klopodas ĉeesti la kongresojn estontajn de IFEF, se ne malsanoj aŭ deforcirkonstancoj tion malpermesas. Ĝi ĉefe koncernas la estontecon, kiam juna sango alfluos al nia movado kaj transprenos la taskojn de la nun plimaljuniĝantaj funkciuloj, kio iam estos neevitebla.
Ni jam nun ne scias ĉu la estontaj gvidantoj disponos pri sufiĉe da mono por pagi ĉiujare la kostojn. Estus bedaŭrinde, se ni ne povus kandidatigi junajn kolegojn por estrar funkcio pro monaj malfacilaĵoj de tiu flanko.
**Carlssen**: La propono ŝajnas al mi ne akceptinda kaj ne estas kontenta pri senpaga tranoktado. Kiam la landaj rondoj devas zorgi por siaj deligitoj mi timas ke ili ne plu havas monon. Li deziras prokrasti la proponon ĝis la sekvonta

kongreso.**Pape** proponas dividi la proponon en du partojn kaj voĉdoni post la paŭzo por ke la delegitoj povu interparoli pri la propono.La Prez.fermas por paŭzi.
3a KUNSIDO.
**F-ino Lemonnier**: Laŭ la opinio de la francaj gekolegoj oni ne definitive decidis pri la propono en Aarhus. Ni do denove decidu. **Becker** interparolis dum la paŭzo kun aliaj delegitoj. Ili havas la saman opinion, ke ni ne povas akcepti la senpagan tranoktadon por delegitoj.
**Christoffersen**: Oni demandas diel landoj kie ne estas rondoj,devas solvi la aferon.Ili ne estas delegitoj laŭ la regularo. **Hoen**: La LKK sciigis ke ĝi ne povas okupi sin pri la gastigado. Ni demandis ĉu tio ankaŭ validas por la ĉefestraro kaj delegitoj.La respondo estis: Laŭ la regularo ni ne bezonas tion fari. Ni do konfirmu tion en interna regularo.
**Carlssen**: Mia starpunkto estas, ke ni tion pritraktu en la landaj rondoj. Li proponas ke nur Prezidanto, Sekretario kaj Kasisto havu tiun rajton.Ne ĉiu lando havas la eblecon gastigi la tutan estraron.**La Prez**: Ni decidu pri jena propono: La estraro havu senpagan tranoktadon dum la kongreso kaj ne pagu kongreskotizon. **Christoffersen** kaj **Carlssen** estas kontraŭ, la aliaj delegitoj por la propono, kiu do estas akceptita.

**Punkto 7a Estrarelekto.**
**Christoffersen** proponas ke la estraro restu la sama.
Unuanime kun aplaŭdo akceptita.

**Punkto 8a Kaskontrolkomitato.**
Elektiĝis kolego Schaafsma el Amsterdam.

**Punkto 9a** Elekto de la venontjara kongresloko.**La Sekr.** voĉlegas la oficialan inviton de la Germana Sociala Organizo Fervoja el kiu montriĝas ke la influo de la IFEF-anoj tie estas grava. Aplaŭde akceptita.
**Pape** dankas pro la aplaŭdo kaj invitas la kongreson al Germanio en 1952a.

**Punkto 10a Libera diskutado.**
**Ohlsson** klarigas, ke en Svedio ne estas rondo pro la grandaj distancoj. Li deziras ke ĉefestrarano partoprenu la SAT-kongreson en Stokholmo por klopodi fondi landan rondon en la Sveda ĉefurbo.
**Sundhagen** (Norvegio) ĝojas esti en internacia familio, sed aŭdis ofte, ke oni alparolas unu la alian per S-ro kaj S-ino. Li preferas la epiteton *Kamarado*.
**Christoffersen** opinias, ke bone estas, se la delegitoj venu unu tagon antaŭ la kongreso; tiam oni eble povas priparoli diversajn bonajn ideojn.Li ne aŭdis prisukcesoj en la sindikatoj. En Danio oni havis sukceson. Instruisto ricevas monan rekompencon de la ŝtato pere de la sindikatoj kaj senpagan vojaĝon por instrui en alia urbo. Klopodu atingi tion ankaŭ en aliaj landoj.
Vivu Esperanto ! Kaj ĝis revido sekvontjare en GERMANIO!
**Bipp** direktas sin al la nedelegitoj kaj instigas ilin al ekzercado en la lingvo por ke ĉiu baldaŭ bone, eĉ perfekte povu paroli en nia lingvo.
**Bouwkamp** rimarkis ke multe ŝanĝiĝis en la lastaj jaroj. Estas ĝojige. Ni, kiel idealistoj, scias ke germano kaj alilandano estas la samaj homoj. En niaj vicoj estu sfero de paco. Li esperas, ke la germanaj kolegoj trovos belan lokon por la 4a IFEF-kongreso.
**F-ino Lemonnier** dankas la finlandajn kolegojn pro la donaco al la francaj fervojistoj.
**La Prez.** respondas kaj dankas la LKK pro la giganta laboro farita.
D-ro Zamenhof diris:*Por efektivigi nian idealon, ni certe bezonas cent jarojn*.
Ni restu sur nia posteno kaj komune metu la ŝultrojn sub la taskon. Varbu homojn por nia idealo kaj ĝis la revido en Germanio! Li deklaras la kongreson fermita.
Komune oni kantas starante la Esperantohimno *LA ESPERO*.

Laŭ protokolo de E.Drijfhout, kompilis
la Sekretario
Jan Lok.

**KOREKTO**

Libertempo de nia presisto kaŭzis kelkajn erarojn en la julia Bulteno. Kiel jareldonon lia anstataŭanto indikis 1950 kaj en la kongresa raporto li lasis for la salutparoladon de nia svisa amiko Bipp. Aliaj preseraroj ne multe ĝenis. La legantoj bonvolu mem korekti ilin.
Ni esperas ke saniga libertempo donis novajn fortojn al ĉiuj laborantoj por nia afero. Kaj nun ek al la laboro por I.F.E.F.!

**NIA KVARA**

**Ni ricevis la oficialan informon, ke la kvara IFEF-kongreso okazos en LINDAU (GERMANIO) de la 24a ĝis la 29a de majo.**